ganz tuta
Garten ĝardeno
Gast gasto
Gatte -in edz/o -ino
gebären naski
Gebäude konstruaĵo
geben doni
Gebiet teritorio, regiono
gebildet klera
Gebirge montaro
gebrauchen uzi
Geburt naskiĝo
Geburtstag naskiĝtago
Gas gaso
Gedanke penso, ideo
Gedächtnis memoro
Gedicht versaĵo, poemo
Geduld pacienco
Gefahr danĝero
gefallen plaĉi
gefangen kaptita, mallibera
Gefecht batalo
Gefühl sento
gegen kontraŭ
Gegend regiono
Gegensatz konstrasto, malo
gegenseitig reciproke
Gegenstand objekto
Gegenteil malo, kontraŭo
Gegenwart nuntempo
Gegner kontraŭulo
Gehalt salajro
geheim sekreta
geheimnisvoll mistera
gehen iri
Gehirn cerbo
gehorchen obei
gehören aparteni
Geige violono
Geist spirito
geizig avara
gelb flava
Geld mono
Gelegenheit okazo
gelingen sukcesi
gelten (wert sein) valori
gemäß laŭ
gemeinsam komuna
Gemüse legomo
gemütlich hejmeca, komforta
genau precisa
genehmigen permesi
genießen ĝui
Genosse kamarado
genug sufiĉe
gerade (soeben) jus (genau) ĝuste
gerecht justa
gern volonte
Geruch odoro
Gerücht famo
Gesandter ambasadoro
Gelang kanto
Geschäft (Laden) vendejo
geschehen okazi
Geschenk donaco
Geschichte historio
geschickt lerta
Geschlecht sekso, gento
Geschmack gusto
Gesellschaft (Verein) societo, socio
Gesetz leĝo
Gesicht vizaĝo
gespannt scivola
Gespräch konversacio
gestatten permesi
gestehen konfesi
gestern hieraŭ
gesund sana
Getreide greno
Gewalt potenco
Gewerkschaft sindikato
gewinnen gajni, profiti
Gewirr konfuzo
gewiß certe
Gewissen konscienco
Gewitter fulmotondro
Gewohnheit kutimo
gierig avida
gießen verŝi
Gift veneno
Gitter krado
glänzen brili
Glas vitro (Material) glaso (Gefäß)
glatt glata, ebena
Glatze kalvo
glauben kredi
gleich sama, egala (zeitlich) tuj
gleichzeitig samtempe
Gleis relo
gleiten gliti
Glied membro
Glocke sonorilo
Glück feliĉo
glühen ardi
Gold oro
Gott dio
Grab tombo
graben fosi
Grad grado
Gras herbo
gratulieren gratuli
grau griza
grausam kruela
Grenze limo
Grippe gripo
grob maldelikata
groß granda
Großvater avo
Grube (Graben) kavo, kaverno
grün verda
Grund fundo, kaŭzo (Ursache)
gründen fondi
Grundlage bazo, fundamento
Gruppe grupo
Gruß saluto
gucken rigardi
gültig valida
Gummi gumo
Gunst favoro
Gurke kukumo
gut bona
Gut bieno
gutheißen aprobi

H

Haar haro
haben havi
hacken haki
Hafen haveno
Hafer aveno
Hagel hajlo
Hai ŝarko
Haken hoko
halb duona
Hälfte duono
Halle halo
Hals kolo

**halten** halti, **stopi** teni (mit **der Hand)**
**Hammer** **martelo**
**Hand** **mano**
**Handel** **komerco**
**handeln** **(tun)** **agi**
**Handwerk** **metio**
**hängen** **pendi**
**Harke** **rastilo**
**hart** **malmola**
**Hase** **leporo**
**Haß** **malamo**
**Haufen** **amaso,** **aro**
**Haupt** **ĉefo,** **kapo** (Kopf)
**Hauptsache** **ĉefaĵo**
**Haus** **domo**
**Haut** **haŭto**
**Hebel** **levilo**
**heben** **levi**
**Heft** **kajero**
**heilen** kuraci, **resaniĝi**
**heilig** **sankta**
**Heim** **hejmo**
**Heimat** **patrujo**
**heimlich** **sekreta**
**Heirat** **edziĝo**
**heiser** **raŭka**
**heiß** varmega
**heiter** serena, **gaja**
**heizen** **hejti**
**Held** **heroo**
**helfen** **helpi**
**hell** **hela**
**Hemd** **ĉemizo**
**Herbst** **aŭtuno**
**Hering** haringo
**Herr** sinjoro
**herrlich** belega, bonega
**herrschen** **regi**
**herum** ĉirkaŭ
**herumstreichen** **vaga-**bondi, vagi
**Herz** koro
**heulen** ploregi
**heute** hodiaŭ
**Hexe** sorĉistimo
**Himbeere** frambo
**Himmel** ĉielo
**hinter** malantaŭ
**hobeln** raboti
**hoch** alta
**höchstens** maksimume
**Hochzeit** edziĝo, -festo

**Hof** korto
**hoffen** esperi
**hohl** kava, malplena
**Höhle** kaverno
**höhnen** moki
**holen** alporti
**Hölle** inferno
**Holz** ligno
**Honig** mielo
**horchen** aŭskulti
**hören** aŭdi
**Horn** korno
**Horizont** horizonto
**Hose** pantalono
**Hotel** hotelo
**hübsch** beleta, ĉarma
**Huhn** koko
**Humanität** humaneco
**Humor** humoro
**Hund** hundo
**hundert** cent
**Hunger** malsato
**husten** tusi
**Hut** ĉapelo
**Hymne** himno

**I**

**ich** mi
**idee** ideo
**Idiot** idioto
**Igel** erinaco
**ignorieren** ignori
**Illusion** iluzio
**illustrieren** ilustri
**immer** ĉiam
**im** / **in** en
**Imperialismus** imperiismo
**impfen** inokuli
**Individuum** individuo
**Industrie** industrio
**Information** informo
**Ingenieur** inĝeniero
**Inhaber** posedanto
**Inhalt** enhavo
**innen** interne
**Insekt** insekto
**Insel** insulo
**inteligent** inteligenta
**intensiv** intensa
**interessant** interesa
**international** inter-nacia

**intim** intima
**inzwischen** dume, intertempe
**irre** freneza
**Irrtum** eraro

**J**

**ja** jes
**Jacke** jako
**jagen** (Jagd) ĉasi
**Jahr** jaro
**jammern** lamenti
**Januar** januaro
**jeder** ĉiu
**jedoch** tamen
**jemand** iu
**jenseits** trans
**jetzt** nun
**Joch** jugo
**Jugend** jun/aĝo, -ularo
**Juli** julio
**jung** juna
**Junggeselle** fraŭlo
**Juni** junio

**K**

**Kaffee** kafo
**Käfer** skarabo
**Käfig** kaĝo
**Kahn** boato
**Kalb** bovido
**Kalender** kalendaro
**Kalk** kalko
**kalt** malvarma
**Kamel** kamelo
**Kamerad** kamarado
**Kamm** kombilo
**Kammer** kamero
**Kampf** batalo
**Kanal** kanalo
**Kanne** kruĉo, poto
**Kanzler** kanceliero
**Kapitel** ĉapitro
**kaputt** difektita
**Karre** ĉaro
**Karte** karto
**Kartoffel** terpomo
**Käse** fromaĝo
**Kasse** kaso
**Kasten** kesto
**Katalog** katalogo, nomaro

**Katastrophe** katastrofo
**Katze** kato
**kauen** maĉi
**kaufen** aĉeti
**kaum** apenaŭ
**Kehle** gorĝo
**keiner** neniu
**Keller** kelo
**Kellner** kelnero
**kennen** koni
**Kerl** homaĉo, hometo
**Kern** kerno
**Kerze** kandelo
**Kessel** kaldrono
**Kette** ĉeno
**keusch** ĉasta
**Kilo** kilogramo
**Kind** infano
**Kirche** preĝejo
**Kirchhof** tombejo
**Kirsche** ĉerizo
**Kiste** kesto
**Kissen** kuseno
**kitzeln** tikli
**klagen** plendi
**Klang** sono
**klar** klara
**Klasse** klaso
**kleben** glui
**Kleid** vesto, robo
**klein** malgranda
**klettern** grimpi
**klingeln** sonorigi
**klingen** soni
**klopfen** frapi
**Klosett** necesejo
**Kloß** bulo
**Klub** klubo
**klug** prudenta, saĝa
**Knabe** knabo
**knarren** kraki, grinci
**kneifen** pinĉi
**Kneipe** drinkejo
**Knie** genuo
**Knochen** osto
**Knopf** butono
**kochen** kuiri
**Koffer** kofro
**Kohl** brasiko
**Kohle** karbo
**kommen** veni
**Konflikt** konflikto
**Kongreß** kongreso
**König** reĝo
**konkurieren** konkuri
**können** povi
**Kontakt** kontakto
**konzentrieren** koncentri
**Kopf** kapo
**Korb** korbo
**Korn** grajno
**Körper** korpo
**korrespondieren** korespondi
**kosten** kosti, gustumi (abschmecken)
**Kraft** forto, energio
**Kragen** kolumo
**krank** malsana
**kratzen** grati
**Kreide** kreto
**Kreis** rondo
**Kreuz** kruco
**kriechen** rampi
**Krieg** milito
**Krise** krizo
**Kritik** kritiko
**Krug** kruĉo
**krumm** kurba, malrekta
**Küche** kuirejo
**Kugel** globo, kuglo
**Kuh** bovino
**Kunst** arto
**Kuß** kiso
**kurz** mallonga

**L**

**lachen** ridi
**lächeln** rideti
**laden** ŝarĝi
**Laden** butiko, magazeno
**laden** ŝarĝi
**Lage** situacio
**Lahm** lama, paraliza
**Lampe** lampo
**Land** lando
**Landschaft** pejzaĝo
**lang** longa
**langsam** malrapida
**Langeweile** enuo
**Lappen** ĉifono
**Lärm** bruo
**lassen** lasi
**Last** ŝarĝo
**lästig fallen** ĝeni, tedi
**laufen** kuri
**Laune** humoro, kaprico
**laut** laŭta
**leben** vivi
**lebhaft** vigla
**lecken** leki
**leer** malplena
**legen** meti
**lehnen** apogi
**lehren** instrui
**Lehrer** instruisto
**Leiche** kadavro
**leicht** facila, malpeza
**leiden** suferi
**Leidenschaft** pasio
**leider** bedaŭrinde
**leihen** prunti
**leise** mallaŭta
**leiten** konduki, gvidi
**lenken** direkti
**Lektion** leciono
**lernen** lerni
**lesen** legi
**letzt** lasta
**leuchten** lumi
**leugnen** nei, malkonfesi
**Licht** lumo
**lieb wert** kara, aminda
**lieben** ami, ŝati
**Lied** kanto
**Linde** tilio
**liegen** kuŝi
**Linie** linio
**links** maldekstre
**Lippe** lipo
**List** ruzo
**Liste** listo
**loben** laŭdi
**Loch** truo
**locken** logi
**Löffel** kulero
**Lohn** salajro, pago
**lösen** (Aufgabe) solvi
**Löwe** leono
**Luft** aero
**lügen** mensogi
**Lumpen** ĉifono, -aĵo
**Lunge** pulmo
**lustig** gaja
**lutschen** suĉi
**Lyrik** liriko

*(Wird fortgesetzt)*

# Plia atingo de Pola Radio

Esperanto-rubrikoj en anglaj, germanaj kaj italaj dissendoj

Post la triobligo de la programoj por eksterlando en la Internacia Lingvo, la direkcio de Pola Radio alprenis novajn decidojn favorajn al Esperanto. En la fremdlingvaj dissendoj, en angla, germana kaj itala lingvoj, ek de la 16-a de oktobro oni enkondukis „Esperanto-rubrikojn" por la esperantistoj en koncernaj landoj.

Ĉiutage, escepte de dimanĉoj, inter la 8.30 kaj 9.00 horo (laŭ MET), per la ondolongoj 25 m, 31 m, 41 m kaj 200 m, la **germanaj** esperantistoj povos aŭskulti i. a. informojn pri esperantistaj aktivecoj, prilingvajn rubrikojn, intervjuojn kun esperantistoj, informojn pri Esperanto-revuoj kaj eldonaĵoj, esperantlingvajn kantojn kaj kanzonojn.

La **italoj** havas sian Esperanto-anguleton ĉiumerkrede, en la itallingvaj dissendoj de la 13,00 ĝis la 13,25 h. (laŭ MET), sur 19 kaj 25 m (ĝi estas ripetata la saman tagon vespere inter la 22,00 kaj 22,30 h. sur la ondoj 31 kaj 41 m) kaj dimanĉe inter la 12,30 kaj 13,25 h. (19 kaj 25 m).

La 23-an de oktobro komenciĝis ankaŭ ĉiumerkredaj Esperanto-rubrikoj en la kadro de **anglalingvaj** programoj inter la 11,00 kaj 11,25 h. (laŭ GMT). Ili estas aŭdeblaj per la ondoj 25 m kaj 31 m.

La daŭro de la iniciato dependas de la nombro de la alvenontaj korespondaĵoj kun rimarkoj, proponoj kaj sugestoj, aŭ nur kun simpla konfirmo de la aŭskultado, sendendaj al: Pola Radio, Box 46, Varsovio, Pollando.

---

**Erwin Schleusener**
**60 jaroj**

La membro de Centra Laborrondo

ERWIN SCHLEUSENER

Berlin, festis la 20-12-1968 sian 60-an naskiĝtagon. Ni gratulas tutkore al la meritplena laborista esperantisto, kiu gvidis rezistadgrupon evoluinta el LEA dum la faŝisma teroro.

*CLR*

**Johannes-R.-Becher-Medalo arĝenta por s-ano ARNOLD ZENKERT, Potsdam**

Pro liaj gravaj meritoj en la Kulturligo-laboro, speciale sur la kampo de astronomio, la prezidumo de la Kulturligo distingis nian s-anon Arnold Zenkert, membro de la Distrikta Laborrondo Esperanto en Potsdam, per la Johannes-R.-Becher-medalo en arĝento. Ni gratulas al s-ano Zenkert pro tiu grava distingo.

*CLR*

# El Sovetunio

**Sekretario de Tolstoi – esperantisto**

La Esperanto-klubon en Moskvo vizitis en la aŭtuno de 1968 la fama franca esperantisto Viktor Lebren – estinta sekretario de Leo Tolstoj. Dum sia pli ol trimonata estado en Sovetunio V. Lebren parolis antaŭ la Moskva Radio kaj televido. Li estis elektita kiel honora membro de Moskva Internacia Esperanto Klubo (MIEK)

**Festvespero pri Turgenjew**

En novembro 1968 en MIEK estis organizita literatura vespero, dediĉita al la 150-jara datreveno de naskiĝo de fama rusa verkisto I. S. Turgenev, kies tradukitaj en Esp-o verkoj estas konataj inter esp-istoj de l' tuta mondo. Vastan kaj detalan raporton pri verkoj de Turgenev faris sam-ino V-N. Lozinskaja. Aldone al sia raporto prof. E. A. Bokarev detale analizis la tradukitajn verkojn kaj menciis la datojn kaj eldonojn en Esperanto.

**Metodoj de Esperanta instruado.**

La 24. 11. 1968 okazis erudicia raporto de prof. E. A. Bokarev pri metodoj de Esperanta instruado kun demonstrado de apartaj metodikaj lernolibroj, eldonitaj en diversaj landoj. Rezulte de tiu interesa raporto, oni decidis estontjare organizi serion de lekcioj pri metodoj de Esp-o instruado kaj renovigi la agadon de metodika komisiono ĉe Moskva domo de Instruistoj.

**Esperanto-Asocio de Norda Kaŭkazio**

Komence de novembro 1968 en Soĉi okazis tritaga Esperanto-konferenco kaj fondiĝis Esperanto Asocio de Norda Kaŭkazio. Prezidanto de la asocio elektiĝis V. Bespalov. *(Laŭ informoj de K-do Kulagin, Moskvo)*

---

# Partoprenu eksposicion de infan-desegnaĵoj!

Hungara Esperanto-Asocio organizos Internacian Esperanto-Ekspozicion de infandesegnaĵoj inter la 24-a de majo kaj la 15-a de junio 1969 in Budapeŝto.

La ekspozicion povas partopreni ĉiu infano, kiu lernas Esperanton ĝis 14 jara aĝo, el la tuta mondo.

La temo de la ekspozicio estas:

**LA LUDO.** La desegnaĵon oni devas alsendi sur 30 × 30 cm-a desegnopapero kaj kun la desegnaĵoj la Esperante skribitan anonciĝon de la konkursanto.

Ni petas ĉiun konkursanton, bonvolu afranki la koverton filatele. La koverton kaj la leteron ni samtempe ekspozicios kun la desegnaĵo.

La plej bonaj desegnaĵoj estos distingitaj per altvaloraj premioj. La infanoj alsendu la desegnaĵojn ĝis la 1-a de majo 1969 al la adreso de Johano INGUSZ, lerneja direktoro, XIII. Tomori u. 2, Budapeŝto/Hungario.

# INFORMOJ

**6-a Internacia Pedagoga Esperanto-seminario en Szeged**
**10—20-an de aŭgusto 1969**

En tiu ĉi jaro jam la sesan fojon ni aranĝos la Internacian Esperanto-Seminarion en Szeged/Hungario, por pligrandigi la lingvajn, lingvistikajn, movadhistoriajn, literaturajn kaj metodikajn konojn de la partoprenantoj. La nombro de la partoprenantoj kutime estas 300—400, el ĉ. 15 landoj.

**Sekcio „A":** Kursoj por komencantoj / bazo de Esperanto
Kursoj por komencantoj dezirantaj fari ekzamenon „A"

**Sekcio „B":** Kursoj por esperantistoj, kiuj jam faris ekzamenon „A"

Lernobjektoj: parolkapablo, gramatiko, literaturaj legaĵoj, movadhistorio.

**Sekcio „C":** Kursoj por esperantistoj, kiuj jam havas atestilon „B" kaj deziras akiri rajton por instrui E-on.

Lernobjektoj: lingvistiko, literaturhistorio, stilistiko, pedagogio, metodiko, provlecionoj.

**Ankaŭ ĉi jare** gvidos la kursojn la plej eminentaj geprofesoroj, fakuloj. Pri la ekzamenoj, atestiloj, kaj pri la detala programo ni sendos sciigojn al la partoprenontoj.

**Partopreni** povas la Seminarion ne nur pedagogoj.

**Por la infanoj** ni aranĝos apartan programon.

Inter la nedevigaj posttagmezaj aranĝoj: vizito de la Hungarlanda E-Muzeo kaj Biblioteko, prezentado de hungara popolensemblo, ktp.

Riceveblas aliĝilojn de Internacia Esperanto-Seminario, Szeged, pf. 227.

**Partoprenkotizo:** 350.— Ft.

**Partoprenkotizo kun loĝado** kaj **manĝajo:** 1000.— Ft.

20 % rabato por geknaboj naskiĝintaj en 1955 aŭ pli malfrue.

**Loĝado** en universitata kvartalo, en moderna studenthotelo en 4-litaj ĉambroj, virinaj aŭ viraj. Apud ĉiu ĉambro estas lernoĉambreto.

Se 2 personoj, geedzoj, bezonas la tutan 4-litan ĉambron por si mem, ili devas pluspagi 200 forintojn po persone, entute 400 Forintojn.

Se oni pagas la nuran partoprenkotizon, ĉar oni bezonas pli malmultekostan turisthotelon aŭ pli multekostan hotelon aŭ alian loĝejon antaŭzorgu ilin ĉe la Turista Oficejo/Szeged, Klauzál tér 7, kie onis parolas Esperanton.

**Oni devas pagi la koncernan sumon** aŭ rekte al nia ĉekkonto, aŭ sendigi la egalvaloran sumon en alilanda valute tra banko al nia ĉekkonto ĝis **10-an de junio 1969.**

La egalvaloran sumon en alilanda valuto oni bonvolu sendigi al la Hungara Nacia Banko, kun noto: la sumo estas ĝirenda al la ĉekkonto 2097—623, Szeged, Csongrád Dep. Kom. de la Hungara Esperanto-Asocio.

Pri la ĵusa kurzo de la forinto povas ricevi klarigon ĉe la Hungara Nacia Banko, Budapeŝto, aŭ ĉe alilandaj ĉefaj bankoj.

# Anh Duk: HON DAT

*Fremdlingva Eldonejo Hanojo, 1968, 446 paĝoj*
*Trad.: Nguhen Minh Kinh kaj aliaj*

„HON DAT“ estas traduko de sudvjetnama romano, eldonita en Hanojo. La aŭtoro Anh Duk akiris per ĝi la „Sudvjetnaman Literaturan kaj Artan Premion Ngujen Dinh Chieu 1960–1965.“ En antaŭparolo la prezidanto de la konsilantaro de verkistoj kaj artistoj de Sudvjetnamio taksas, ke en la romano vidiĝas ankoraŭ mankoj, sed tamen la verkisto meritas plene la dankon por esti prezentinta al la legantaro fidelan raporton pri la lukto de la popolo kontraŭ la usona imperiismo kaj ties lakeoj.

Hon Dat, malgranda pacema sudvjetnama vilaĝo, preparas sin toleri kaj kontraŭstari la restadon de pli ol mil malamikaj soldatoj: registaraĉaj trupoj, specialaj atak-grupoj („komando-unuoj“) kaj usonaj oficiroj. Zorge oni avertas kaj kaŝas la funkciulojn de la popolarmeo, al kiuj minacas certa mortigo. Estraranoj ellaboras planojn por ruze kaj perforte defendi la vilaĝon. Tri virinoj, du knaboj kaj 14 viroj grupiĝas en tre defend-taŭga kaverno, kiu rezistas ĉiujn atakojn. La unuiĝintaj fortoj de la vilaĝo sukcesas forpeli la trupojn.

La romano respegulas la kontribuon de ĉiuj tavoloj en la vjetnama lukto: la doloron de la edzino, kies edzo batalas kaj povas nek skribi nek subteni la familion, la sindonan laboron de avinoj, la malpaciencon de la infanoj kunhelpi la lukton, la kuraĝan kaj lertan agon de la soldatoj de la popol-armeo, la perfidon de kelkaj nedecidemaj etburĝoj, la honton de patrino, kies filo fariĝis gvidanto de fia atakgrupo kaj ŝian rekompencon al la popolo kaj la neimageblan sadismon de la malamikoj trupoj.

La romano estas tre kruela, sed estis la vivo kaj ne la verkisto, kiu faris ĝin kruela. La leganto vivas kun la herooj de Hon Dat, esperas kun ili kaj scias kiel ili, ke la malamiko neniam venkos, ĉar ĉiu falinta kamerado vivigas novajn batalantojn, duobligas la malamon kaj la popolforton.

La traduko estas ŝajne iomete „vjetnama“ kaj oni bezonas tempon por alkutimiĝi la stilon. Tamen la dramatiko de la okazintaĵoj baldaŭ vekas la atenton kaj kaptas ĝin ĝis finlego. *Linde Heinze*

*Mendu la romanon ĉe Karl-Marx-Buchhandlung 1017 Berlin, Karl-Marx-Allee 78–84.*

# INFORMOJ

## Skribas niaj legantoj:

„La kajero N-ro 175/176 de Paco estas vera juvelo el inter la kajeroj de Paco ĝenerale. – Riĉenhava, politika kaj kulturkleriga materialo faras ĝin valora eldonaĵo. La kajero havas belegan plaĉon ... La lingvomaniero estas modela, senriproĉa, imitinda ..."

*Ben-Ari Branzburg, Luga, Sovetunio*

„... „der esperantist" malgraŭ sia modesteco liveras tre interesan kaj progresivan materialon. Mi tre ŝatas la diversajn artikolojn, kiuj aperas en ĝi ..."

*W. Gilbert, Francio*

„Ĉiam kun plezuro mi ricevas „der esperantist" kaj estas multe interesata pri la artikolo, kiu raportas pri Internacia Laborista Esperanto-Movado ..."

*M. Bordessaulle, Francio*

„Mi ricevis bonorde vian specimenan numeron de „der esperantist". Vere bona laborista klas-informado, pro tio mi komplimentas-vin ..."

*A. Rossino, Italio*

### Archivbibliothek des Zentralen Arbeitskreises

Der Zentrale Arbeitskreis ist dabei, eine Archivbibliothek aufzubauen, in der Bücher, Dokumente und andere Esperantomaterialien, vor allem auch über die Arbeiter-Esperanto-Bewegung, gesammelt und sorgfältig katalogisiert werden. Wertvolle Materialien sollen damit zentral erfaßt werden und für wissenschaftliche Zwecke zur Verfügung stehen. Der Zentrale Arbeitskreis ist allen Esperantisten dankbar, die Materialien und Bücher dieser Archivbibliothek übereignen oder darauf aufmerksam machen würden, wer entsprechende Literatur und Dokumente besitzt.

*ZAK*

### Esperantolektüre

Die Karl-Marx-Buchhandlung, 1017 Berlin, Karl-Marx-Allee 78/84, teilt uns mit, daß die Angebotsliste im „der esperantist" Nr. 20/21 noch Gültigkeit hat. „Pola Esperantisto", „Hungara Vivo" können 1969 erst für 1970 abonniert werden. Für die Zeitschrift „Nuntempa Bulgario" ist Bestellschluß der 1. April 1969 und für „Homo kaj kosmo" der 1. 7. 1969.

### Silaba enigmo

a, a, ea, ci, do, do, do, fo, gra, i, ko, kri, lan, li, li, me, me, mi, mo, mo, na, na, nek, ni, o, o, o, ran, ran, ri, ro, sa, sis, sto, ti, to, to, vo.

El 38 silaboj formu 9 vortojn kun jena enhavo:

1. Stato de konstanta sopira malgajeco kaj malvigleco
2. Mallonga, kurioza aŭ sprita rakonto
3. Malagrabla odoro kaj gusto de grasoj
4. Sekreta policano
5. Malsanulejo
6. Ago de tiu, kiu unua ion proponas aŭ faras
7. Aparato kiu registras horon, daŭron kaj intenson de sismaj movoj
8. Mallongigita raporto aldonita al diplomata noto
9. Ĉio, kio impresas la flarsenton

La unuaj kaj triaj literoj de supre malsupren legitaj donas gravan nuntempan teorion kun duparta nomo. H. Rothe

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.
Verantwortl. Redakteur: Eugen Menger. Redaktionskommsission: Otto Bäßler, Detlev Blanke, Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. — Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DRR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. - Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 183

# Lingvo-Konkurso (II) n-ro 24

La senditaj tradukoj de la marksa teksto pruvas bonan lingvan kvaliton de la partoprenantoj de nia lingva konkurso n-ro II. Ne estis facile elekti la plej bonan. Ni agis laŭ konscienco kaj objektiveco atribuante la tri unuajn premiojn al:

1. Ernst Mutschall, Halle
2. Dr. Karl Schulze, Berlin
3. Paul Straach, Netzschkau

4.–10. Gisela Schmidt, Neumark/Sa.; Elsa Gruhle, Leipzig; Alfred Knapp, Bad Berka; Rudolf Masek, Neudietendorf; Harald Lorenz, Zwickau; Hans Bensch, 24 Wismar; Philipp Grimm, 9703 Ellefeld/Vogtl.

**Jen la traduko el marksa verkajo:**

„... Es ist ein bloßes Gerede, wenn man sagt, daß die Krisen aus Mangel an zahlungsunfähigen Konsumenten hervorgehen. Andere Konsumenten als Zahlende kennt das kapitalistische System nicht, ausgenommen Bettler und ‚Spitzbuben'. Daß Waren unverkäuflich sind, heißt nur, daß sich keine zahlungsfähigen Käufer, also Konsumenten für sie finden. Aber wenn man diesem Gerede einen Schein tieferer Begründung durch die Behauptung geben will, die Arbeiterklasse erhalte einen zu geringen Anteil ihres eignen Produktes, und dem Übelstand könnte abgeholfen werden, wenn die Arbeiter einen größeren Anteil erhalten würden, wenn ihr Lohn stiege, so genügt es zu bemerken, daß Krisen jedesmal durch eine Periode vorbereitet werden, in welcher der Arbeitslohn allgemein steigt und in der die Arbeiterklasse einen relativ größeren Anteil an dem für den Verbrauch bestimmten Teil des jährlichen Produktes konsumiert. Diese Periode müßte – vom Gesichtspunkt jener Ritter vom „gesunden und einfachen Menschenverstand" – die Krise in die Ferne rücken. Es scheint also, daß die kapitalistische Produktion Bedingungen einschließt, die vom guten oder bösen Willen unabhängig sind, Bedingungen, die jene relative Prosperität der Arbeiterklasse nur vorübergehend zulassen, und immer nur als Vorzeichen einer Krise ..."

Jen la teksto de la korektitaj frazoj:

2.1. Josef ordonis al siaj kuracistoj balzami lian patron.
2.2. Li petis min eniri la kaverneton de lia lokomotivo.
2.3. Mi konvinkiĝis ke li konsoliĝis pri la perdo.
2.4. Mi deziras al vi ĉion bonan!
2.5. La materialoj estis liveritaj en la pasinta jaro 1967 ĉiam dum la unua semajno de la monato, nur en decembro ili estis liveritaj dum la dua semajno.
2.6. Kaj estis sufiĉe strange ke en la okuloj de la pli juna fratino naĝis larmoj, kaj io profunde kaj kore sentita briletis tra la petolado de ŝiaj vortoj kaj pene kontraŭ ĝi batalis.

La premioj jam estas forsenditaj.

# LA JUNA ESPERANTISTO

**Junulara renkontiĝo en distrikto Karl-Marx-Stadt**

Enplanu partoprenon de la Junulara Renkontiĝo ĉe Plauen en majo 1969. Prepariĝu jam nun!

**Junulara komisiono ĉe Centra Laborrondo**

En la kadro de la CLR-konferenco de 7. 12. 1968 refondiĝis komisiono, kiu okupiĝos speciale pri problemoj de junulara laboro inter la esperantistoj de GDR. Al la komisiono apartenas *Hans Eichhorn, Linde Heinze, Detlev Blanke, Rudolf Burmeister, Raimund Knapp.* Estos petate, ke ĉiu grupo okupiĝu serioze pri nepre necsa plibonigo de la junulara Esperanto-laboro en la GKL.

**Imitinda**

*Dresden:* La junaj esperantistoj en Dresden ĉiumonate aranĝas specialan vesperon kun programo por junuloj.
Jen laŭdinda kaj imitinda iniciato.

**Leona divido**

Foje la lupo kaj la vulpo kaj la kat'
kun la leono sin federis por ĉasad'.
Grandkorpan cervon predis la ĉasanta kvar',
kaj la leono ĝin dividis per deklar':
„Leono mi estas: Mia la unua part'.
Plej forta mi estas: Mia do la dua part'.
La trian rajtas mi: La plej kuraĝa best',
kaj ve al tiu, kiu tuŝos al la rest'!"

*(Ezopa fabelo,*
*reverkita de Kalocsay)*

**Komparo**

*Al kio similas la virinoj?*

1. Al forno, kiu estas foje varmega, foje malvarma.
2. Al bela rozo, kiu neatendite pikas.
3. Al libro, kiu havas interesan titolon.
4. Al ĝardena benko, kiun oni devas de tempo al tempo refarbi.
5. Al aŭtomobilo, kiu foruzas multe da benzino.
6. Al trajno, kiu kelkfoje elreliĝas.

## INTERNACIA LINGVO KAJ FILATELO

**Esperanto-poŝtmarkoj (kaj-tutajoj)**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1911 | Bavario | 5 Pf kun kupono | „Esperanto München" |
| 1925 | Sovetunio | 7 k 14 kopekoj | „Popov – inventisto" |
| 1927 | Sovetunio | 7 k 14 kopekoj | „SAT-Kongreso" |
| 1926 | Sovetunio | 14 kopekoj | „40 j Esperanto" |
| 1927 | Sovetunio | Surpreso 8 kop. sur 7 kop. | Popov |
| 1927 | Sovetunio | Surpreso 8 kop. sur 7 kop. | „SAT-kgr" |
| 1930 | Sovetunio | 1 rublo | „Centra telegrafo" |
| 1932 | Sovetunio | 3 rubloj | „HES je la nomo de Lenin" (Hidro-Elektra-Stacio) |
| 1935 | Brazilo | 200 Reis | „Specimena Foiro" |
| 1936 | Brazilo | 200 Reis | „Specimena Foiro" |
| 1937 | Brazilo | 300 Reis | „9a kongreso de E" |
| 1937 | Brazilo | 300 Reis | „Ora jubileo de E" |
| 1945 | Brazilo | 40 ct., 1,20 Crs | „E-kongreso" |
| 1947 | Bulgario | 20 + 10 levoj | „30a bulgara E-kgr" |
| 1949 | Austrio | 20 groŝoj | „Esperanto" |
| 1950 | Austrio | Aerogramo por flugo de Wien al Philadelphia 16. 3. 1950 kun enpresita 20 gr.-pm | |
| 1953 | Jugoslavio | 15 k 300 dinaroj | „38a UK de Esperanto" |
| 1953 | Triesto B | 15 k 300 dinaroj | „38a UK de Esperanto" |
| 1954 | Austrio | 44 stotinkoj | „50 jaroj de Esperanto" |
| 1957 | Bulgario | 44stotinkoj | „50 jaroj de Esperanto" |
| 1957 | Hungario | 60 fileroj, 1 forinto | „70 j de E" k Zamenhof |
| 1959 | Bulgario | 1,25 levoj | „Zamenhof" |
| 1959 | Pollando | 60 groŝoj k 1,50 zlotoj | „Zamenhof" |
| 1960 | Brazilo | 6,50 Crs. | „Zamenhof" |
| 1961 | ČSSR | 2 kronoj | „Tutmonda Ekspo de pm" |
| 1962 | Bulgario | 1 forinto | „nacia kongreso" |
| 1962 | Hungario | 13 stotinkoj | „IFEF-kongreso" |
| 1962 | Pollando | du div. pk kun esp.-pm enpresitaj | |
| 1963 | Bulgario | 13 stotinkoj | „Univ. kgr de E" |
| 1966 | Pollando | pk kun enpresita esp.-pm | |
| 1967 | ČSSR | 4 × 5 kronoj kun kupono (La 5 Kcs pm ekzistas ankau en nigra preso kaj la sama motivo sur aerogramo je nominalo de 1,20) | „PRAGA 1968" |

*Noto pri la listo de esp.-pm: Mi ne menciis variaĵojn koncerne filigranojn, dentumojn kaj sendentajn. Ankaŭ mankas la nigraj surpresoj sur la soveta 1 rubla pm, kiuj montras la nazian svastikon, faritaj dum la faŝisma okupado en la urbo Bolŝaja Aleksandrovka. (1941). R. Burmeister*

## EL LA DISTRIKTOJ

### Dresdner Esperantisten gedachten Zamenhof

40 Sprachfreunde, darunter fünf aus Pirna, trafen sich am 16. 12. 1968 in Dresden-Kleinschachwitz. *Rudolf Zimmermann* hielt eine kleine Gedenkrede und unterstrich in ihr, daß Zamenhofs Friedenswille auch durch unseren Beitrag realisiert werden kann. Jeder Brief, den wir absenden, sollte ständig darüber aufklären, daß unsere DDR alles tun wird, damit kein Deutscher mehr zum Mörder an anderen Völkern wird, sondern jedem die Freundeshand reicht.
*Erich Wald* trug ein eigenes Gedicht in Esperanto vor und verlas den Brief eines nordvietnamesischen Vaters an seinen südvietnamesischen Sohn. Der Unterhaltung diente eine kleine Tombola und das Singen von Liedern in Esperanto.

*D. Meier*

* * *

### Hettstedt

Am 7. 2. 1969 fand in Hettstedt auf Veranlassung des Veteranen der Arbeiter-Bewegung Genossen *Karl Dietze* im Rahmen des Deutschen Kulturbundes eine informative Veranstaltung über Esperanto statt. Neben einer reichhaltigen Ausstellung von Esperanto-Literatur und Briefwechsel wurde den Interessenten ein Vortrag des Vorsitzenden des Bezirksarbeitskreises *E. Muthschall* geboten. Es wurde beschlossen, einen Lehrgang unter Leitung des Bundesfreundes Karl Dietze durchzuführen.

*Em.*

### Greiz-Reichenbach: Jarfina kunveno

En Obergrochlitz proksime de Greis 26 esperantistoj el la grupoj Greiz 26 esperantistoj el la grupoj la 28.—29. 12. 68 al jarfina kunveno. Oni bilancis la faritan laboron en 1968 kaj priparolis la taskojn por 1969. Por bonaj laboroj estis distingitaj *Erich Würker* kaj *Paul Straach*. La interesa dutaga programo enhavis lumbildprelegojn, lingvajn ekzercojn kaj distrajn aranĝojn. La dugrupa aranĝo estis bela ekzemplo por kunlaboro inter la du najbaraj distriktaj laborrondoj Gera kaj Karl-Marx-Stadt.

*(Laŭ informoj de E. Würker)*

### Esperanto-lecionoj en „Der Morgen"

La taggazeto de LDPD „Der Morgen" publicis ĝis nun pli ol 190 Esperanto-lecionojn, kiuj aperadas ĉiun duan dimanĉon, redaktitaj de *Paul Lindner* kaj nun daŭrigitaj de *Peter Levsen*. La lecionoj liveras taŭgan kaj varian materialon por la kursoj en la Germana Kulturligo.

### Sonbendoj de CLR

*Skribas nia s-ano Jauernig el Quedlinburg:*

„Estas tre laŭdinda afero, ke la Centra Laborrondo en Berlino havas stokon da sonbendoj kun aŭdinda enhavo, kiujn oni povas kontraŭ pruntpago pruntepreni por la unuopaj grupoj aŭ eĉ aĉeti por modera prezo. Estas bona ebleco por varia kaj alterna laboro, aŭdi kaj kompreni rakonton pri aparta temo.

# EL LA DISTRIKTOJ

**Karl-Marx-Stadt**

Am 23. 11. 1968 fand in Karl-Marx-Stadt die erste Sitzung der Arbeitsgruppe Arbeiter-Esperanto-Bewegung statt, die sehr gut vorbereitet war. Etwa 30 ehemalige Mitglieder des damaligen Arbeiter-Esperanto-Bundes für die deutschen Sprachgebiete berieten darüber, wie die Traditionen des GLEA im Bezirk Karl-Marx-Stadt systematisch erforscht und für die Arbeit der Esperantisten genutzt werden können. Unter der zielgerichteten Leitung von *Willy Weißbach*, dem ehemaligen Vorsitzenden des Distriktes Erzgebirge-Vogtland im GLEA wurden in der Diskussion eine Reihe interessanter Ansatzpunkte und Hinweise für zukünftige Forschungen sichtbar. Vom Zentralen Arbeitskreis nahm *Detlev Blanke* an dieser Sitzung teil. Er sprach über inhaltliche, methodische und organisatorische Fragen, die bei den Forschungen zu beachten sind; dabei ging er auch besonders auf die Bedeutung der fortschrittlichen Traditionen des GLEA für die ideologische Arbeit der Esperantisten ein. Als Ergebnis der fruchtbaren Sitzung wurde ein Leitungsgremium der Arbeitsgruppe Arbeiter-Esperanto-Bewegung beim Bezirksarbeitskreis gebildet, dessen Vorsitz Willy Weißbach übernommen hat. Der Bezirk Karl-Marx-Stadt beabsichtigt, zum 20. Jahrestag der DDR eine Broschüre mit ersten Ergebnissen herauszugeben. *—e*

**El malhela tempo**

*El la referaĵo de H. Fuchs dum la distrikta renkontiĝo en Wehlen (vd. „der esperantist" 26/27 pĝ. 26):*

... Fine de la jaro 1932 oni kalkulis en Germanio 6 milionojn da senlaboruloj. Precipe la germanaj imperialistoj depost la jaro 1927—1932 maldungis multajn laboristojn, sed unue la konsekvencajn, politike organizitajn funkciulojn.

Kion travivis la laboristaj Esperantistoj en tiuj ĉi jaroj? La plej multaj el ili estis senlaboraj. La financa subteno de la ŝtato estis tiom malmulta, ke ĉiuj senlaboruloj ne posedis sufiĉe da mono por satigi la familion. Aĉeti vestaĵojn aŭ aliajn necesaĵojn tute ne estis eble. La laboristaj Esperantistoj eĉ ne plu povis iri en gastejon por kunveni, ĉar ilia aĉetpovo estis kvazaŭ nulo. Sed tamen ni laboris por kaj per Esperanto. Ni kunvenis en loĝejoj, en laŭboj, sed plej ofte ni ekskursis ekzercante por pli perfektiĝi en la lingva uzo.

1933 venis la faŝismo. Pro politikaj kaŭzoj la faŝistoj malpermesis tuj la Germanan Laboristan Esperanto-Asocion.

Por ili Esperanto estis lingvaĉo, kreita de judo por la celoj de la mondjudaro. La funkciuloj de LEA estis inter la unuaj, kiujn la faŝistoj persekutis kaj arestis per „Gestapo". Ni Esperantistoj estis enkarcerigitaj kun aliaj en pundomoj kaj koncentrejoj.

Tre bona esperantisto, k-do *Schubert*, instruisto, pro troaj torturoj mortigis sin en koncentrejo Hohenstein saltante trans altega muro de la fortikaĵo. En la sama koncentrejo ankaŭ devis vivaĉi niaj k-do *Otto Bäßler* el Leipzig kaj k-do *Otto Müller* el Dresden, partoprenanto de tiu ĉi renkontiĝo. Ambaŭ laboras hodiaŭ por nia Esperantomovado.

Mi mem dum 8 jaroj troviĝis rekte en la ungegoj de la bruna faŝima pesto. Mi ankaŭ renkontis Espe-

rantistojn en la pundomo kaj koncentrejo. Ni kaŝslipe korespondis en la pundomo esperante kaj informis unu la alian pri la novaĵoj en la mondo kiujn ni eksciis.

Dum tiu ĉi malhela tempo, kiu gvidis al la dua mondmilito kaj al la nacia katastrofo de Germanio, multaj esperantistoj portis la ideon pri internacia interkomprenigado per Esperanto en siaj koroj. . . ."

**Quedlinburg**

La 30-an de novembro 1968 la filatela klubo en Quedlinburg festis solene la 75-an datrevon de sia fondo.

Estis montritaj diverstemaj kolektaĵoj inter kiuj elstaris tiu de s-ano *Alois Jauernig*. La ekspozicio enhavis preskaŭ ĉiujn Esperanto-poŝtmarkojn, fotokopion de originala poŝtkarto de Zamenhof kaj aliajn interesajn objektojn.

Jam antaŭaj similaj ekspozicioj en Quedlinburg montriĝis bonega informilo pri Esperanto.

**Potsdam**

Der Gruppenabend der Potsdamer Esperantofreunde am 27. November 1968 stand im Zeichen der Astronomie. 23 Sprachfreunde hatten sich im neu errichteten Planetarium des Pädagogischen Neuererzentrums, Neuer Garten, eingefunden, wo ihnen die vielfältigen Darstellungsmöglichkeiten des Planetariums gezeigt wurden. Von der einfachen Orientierung am Sternhimmel, den Sternbildern, den Bewegungserscheinungen der Fixsterne und der Planeten, den Lichtlinien für die mathematische Astronomie bis zu dem Sternhimmel an anderen geographischen Breiten sowie den Veränderungen am Fixsternhimmel im Verlauf von Jahrtausenden spannte sich die Thematik aus dem umfangreichen und interessanten Gebiet der Himmelskunde.

Daneben stand auch das Kennenlernen von Ausdrücken des täglichen Gebrauchs, wie „Sonnenaufgang, Sonnenuntergang, Dämmerung, Vollmond, Erstes Viertel" u. a. m. sowie Namen bekannter Sternbilder in Esperanto. Am Schluß der Vorführung wurde der Sternhimmel mit den uns fremden Sternen und Sternbildern über dem Äquator eingestell, und am künstlichen Sternhimmel erstrahlten das Kreuz des Südens, der Kentaur und die Südliche Krone.

Nach der Vorführung beobachteten die Teilnehmer in einem Amateurfernrohr die bizarre Oberfläche des Mondes und den Ringplanet Saturn.

*A. Zenkert, Potsdam*

**Riesa**

Anläßlich des 109. Geburtstages von Dr. Zamenhof veranstaltete die Kreisarbeitsgruppe Esperanto in Riesa einen Gedenkabend, an dem 41 Esperantofreunde teilnahmen.

Bfd. Rauner sprach über Leben und Wirken Dr. Zamenhofs und unterstrich dessen Forderung „Paco en la tuta mondo". Die Riesaer Freunde sammelten für das um seine Freiheit kämpfende vietnamesische Volk 84,50 M und überwiesen es auf das Solidaritätskonto Vietnam.

*H. Reschke*

**Bulgario**

Evelina Petrova, **Lubimec,** Kaukova „Oborište“ N. 15, dez. korespondi kun amikoj el GDR.

Angel P. Angelov, str. Georgi Dimitrov 56, **Vraca**/Bulgario, deziras korespondi pri ĝeneralaj problemoj.

Maria Dimova Tileva, str. Ĥristo Botev Nr. 113 ap. 16, u. **Stara Zagora,** Bulgario, 19 jaroj, deziras korespondi pri ĝeneralaj problemoj.

Ilija M. Rabatilev, str. Ot. Paisij 26, **Sevlievo**/Bulgario, deziras korespondi pri diversaj problemoj, kolektas poŝtmarkojn.

Peŝka Hvistan Dobreva, **Sofia—73,** str. Suhodolskov „2 bl.“ 120 v. A. Bulgario, deziras korespondi pri diversaj problemoj.

**GDR**

Detlev Blanke, 104 **Berlin,** Rheinsberger Str. 61, serĉas materialojn pri Esperanto komparita laŭ leksiko kaj gramatiko kun aliaj naciaj lingvoj. Aĉetos aŭ deziras ŝanĝakiri interlingvistikajn kaj esperantologiajn materialojn en ĉiuj lingvoj.

**Hungario**

24 jara lingvoinstruisto deziras korespondi kun geamikoj el ĉiuj landoj pri lingvaj problemoj. Kolektas vortarojn. Respondo nepre garantiita. Ladislav Malnár, **Abaújszántó,** strato de paco 26.

**Japanio**

32-japana fervojisto deziras korespondi kun amikoj el GDR, li interesiĝas pri moderna literaturo de GDR. Akira Shibata, Sannokubo 33-5, Miai-cho, **Okazaki-shi,** Aichi-ken, Japanio.

**Pollando**

Internacian ekspozicion de infana arto sub la titolo „Ni bonvenas XXV-an datrevenon de Pola Popola Respubliko“ organizos Rondo de Junaj Esperantistoj de Ŝtata Infandomo, **Gdansk-Orunia,** str. Brzegi 55. Bv. sendi infandesegnaĵojn kaj salutojn ĝis 1-a de majo 1969. Atendos multaj premioj.

**Sovetunio**

Grupo de junaj geesperantistoj-komencantoj — 10 geknaboj 13—17—jaraj — deziras korespondi kun gejunuloj en la tuta mondo individue kaj kolektive kun samspecaj grupoj. La adreso: Estona SSR, **Tallinn-1,** Ujula t. 12, Pioneeride Palee „Esperanto“.

„Esperanto-rondeto ĉe Kulturdomo — 20 homoj en aĝo 15—55 (gelernantoj, gestudentoj, geinstruistoj, inĝenieroj, kuracistoj, laboristoj) deziras korespondi kun la tuta mondo per bildkartoj kaj sonbendoj: 4,7; 9,5 kaj 19,5 cm/sek. Adreso: USSR, **Hmelnickij,** Kulturdomo, Esperanto.

Ĵurnalisto, 25 jaraĝa deziras korespondi kun GDR-ano. Adreso: Vasil Hrynkiv. **Lvioska obl. m. Sambir,** poŝta abon. strynka IV 45, Ukrainio.

Vasilij S. Dvojeglazov deziras korespondi kun amikoj el GDR. **Stacio Vijne-Uvelskaja** Celjabinskoj Oblasti, per-k Ostrovskogo w 5.

18—24 jaraj esperantistoj el Tula volas korespondi kun la tuta mondo. Skribu al Esperanto-Kurso Politeknika Instituto, **Tula,** pr. Lenina 92.

Minska Internacia Klubo „Esperanto“ deziras kunlabori kun Esperanto-grupoj el GDR laŭ konkretaj planoj. La anoj de la klubo ĝojos ekinterrilati kun amikoj el GDR, interŝanĝi spertojn, materialojn kaj vizitojn. Skribu nepre al Internacia Klubo Esperanto, Glavnopoŝtant, p.k. 33, **Minsk.**

Deziras korespondi la Societo „Esperanto“ ĉe la Moskva Universitato, **Moskvo V-311,** ab. jaŝĉik 739, kun E-societoj de alilandaj universitatoj.

Deziras korespondi f-ino Lilja Pomasanova kaj s-ro Arnold Voitk, ambaŭ **Polva,** rj. Ahja, pk. 24. Ili interesiĝas por teatro, kino, literaturo, sporto, kolektas bk, pm, ekslibrisojn, esp. librojn kaj gazetojn.

Filatelisto, kolektanta pm pri arto, faŭno kaj flaŭro kaj bildkartojn kolorajn deziras korespondi tutmonde. G. I. Ŝevĉenko, K. Libknehta 14, kv 32 **Dnepropetrovsk-70,** Ukrainia SSR.

**VAR**

S-ro Mohamed Abu Zeid Soliman, Masakin Hadaik El-Amiria Block 87-2, app. 5, **Kairo UAR,** deziras korespondi kun amikoj el GDR.

**Suria Araba Respubliko**

Vasek Kuli, Malik Adel str. Averd-Building III. **Damasko,** deziras lerni Esperanton per la germana lingvo.